# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 07/07/2016 Ducentsepdeksepa eldono 07/07/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **450,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Venis Sabaton, Je la 2a de Julio, Roger Springer, Terry Manley, John Casey, Eunice Graham.
Terry, kiu loĝas en Armidale, estis bona hadiaŭa aldono al la kunveno.

## ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

**143 Lawson Strato, Redfern.**



Ĉeestantoj de la kunveno. Maldekstre al dekstre:-
Adam Levy, Terry Manley, Tulleah Pearce, Roger Springer, Steven Garamy, Benjamin Forster, Jai , Richard Delamore, Jonathan Cooper, Nicole Else, Hannah Ryan. Mei Springer fotis la grupon.

Tulleah Kaj Benjamin parolis pri estonta kunlaboro inter „Performance Space” kaj EFNSW
Hannah intervjuis por fbiradio.com pri Esperanto.
Jonathan Cooper prelegis iomete pri Esperanto

Hannah ankaŭ venis la sekvantan Merkredon al Esperanto Domo kaj intervjuis Roger pri liaj Esperantaj travivaĵoj

FBi RADIO

# Elkorajn gratulojn, Margaret



"Elkorajn gratulojn, Margaret, okaze de via 90-a. La cetero de via vivo (ĝis almenaŭ 100?) estu tutkontenta, kaj fojfoje eĉ feliĉa. Ĝuu vian neniofaradon en via nova loĝloko! 🎂✿♪♪ Vera." Vera Payne

# Feliĉa familio



“Du gepatroj naskis tri genaskitojn” aŭ tri “genaskiĝintojn”. Kiom da eraroj estas en tiu propozicio?

Vi ne, sed mi bone scias, ke tiuj du “gepatroj” certe ne estis gepatroj. Ili ankoraŭ ne estis gepatroj, ĉar la patrino, ankoraŭ ne estis patrino, ĉar ŝi ja ankoraŭ ne naskis sian unuan naskiton aŭ naskiĝinton. Tiu patrino estis do ankoraŭ, kaj tia restas, virino.

Nu, unue, estas sciate, ke estas du gepatroj. Sed ĉu veras, ke oni povas diri “du gepatroj” kvankam neniu el ili estas “ge”. Ĉu la patrino povas esti “gepatro”? Tion mi forte dubas. Ŝi povas esti nur “patrino”. Ĉu la patro povas esti “gepatro”, ankaŭ al tiu demando la respondo estas ne. La patro neniam estas gepatro, li restas nur patro. Sed nur post la naskiĝo de la unua naskito aŭ naskiĝinto.

Oni devus kompreneble diri: “patrino naskis tri genaskitojn”, aŭ “genaskiĝintojn”, ĉu ne? Tiam ĉiu scias ke nur unu patrino naskis la tri genaskitojn aŭ genaskiĝintojn. Kaj mi estas certa, ke gepatroj ne naskas genaskitojn, nek genaskiĝintojn. Nur la patrino tion faras, la patro certe ne povas. Do, multe pli bone estus diri: “patrino naskis tri genaskitojn aŭ genaskiĝintojn”. Sed ĉar tion mi ja jam diris, mi ekde nun provas silenti pri tio!

Do, nun tiu problemo estas solvita, almenaŭ mi esperas tion. Jen sekvas do la dua problemo, kiun solvi devus esti iomete pli facile post la fino de la unua tre malfacila problemo.

Decas jam nun aldoni, por ke ne estu miskomprenoj inter ni, ke la kompatinda virino naskis nur unu naskiton aŭ naskiĝinton. Fakte naskitinon aŭ naskiĝintinon. Mi estis tentata diri “naskiĝintineton”, sed pro mia granda kompato al vi, mi decidis tamen ne fari tion! Fakte tiu naskitino, aŭ naskiĝinto estis belega kaj ĉarma knabineto. La plej multaj novnaskitinoj aŭ novnaskiĝintoj estas knabinetoj !

Do temas pri la tri “genaskitoj” aŭ genaskiĝintoj. Tiuj tri genaskitoj aŭ genaskiĝintoj kompreneble ne naskiĝis samtempe. Mi scias, kaj ankaŭ vi scias, ke la unua genaskito aŭ genaskiĝinto estas knabino, tre eta kaj bela knabino, kiel jam dirite. Sed ĉu nur unu sola knabineto

povas esti 'gea'? Certe ne. Ŝi do ne plu estu "genaskito" aŭ "genaskiĝinto", sed simple "naskitino" aŭ "naskiĝintino", sed ĉu tio vere necesas? La du aliaj "genaskitoj" estas knaboj, tre malgrandaj kaj belaj knabetoj. Sed laŭ la logiko, kiun esperantistoj neniam ignoras, aŭ ĉu? nek unu knabino, nek du knabetoj povas esti 'geoj'. Nur parolante pri ĉiuj tri el ili, oni nomu ilin 'ge', do "genaskitoj" aŭ "genaskiĝintoj". La unua naskito, la knabineto, estas ja knabineto, do kial 'ge'? Kaj la du knabetoj ne estas samtempe ankaŭ knabinetoj, do kial 'ge'. Verŝajne, ĉar kune la tri infanetoj naskitaj al la du samaj gepatroj, gepatroj nur post la naskiĝo de la unua naskito aŭ naskiĝinto, la knabineto, do la naskitino aŭ naskiĝintino, estas el du malsamaj seksoj. Tio estis sufiĉe facile komprenebla, ĉu ne? Mi ĝojas, ke vi povas kompreni tion, kaj mi eĉ multe pli ĝojus, se ankaŭ mi povus kompreni tion !

Kiel jam dirite, la unua naskitino estis la knabino. Du jarojn poste naskiĝis la unua knabo, li estas do la frato de la knabino, kaj la knabino estas la fratino de la knabo. Pasis ankoraŭ du jaroj kaj naskiĝis la dua knabo, do, la tria infano de la du gepatroj. Du, kvankam neniu el ili estas gepatro, ĉiu el ili estas aŭ patro aŭ patrino, sed se oni parolas pri ili kiel paro, ili kune estas gepatroj, sed, mi dubas, ĉu oni povas, laŭ la logiko, diri, ke ambaŭ el la gepatroj estas "geoj". Mi ne estas gepatro de miaj gefiloj, mi estas nur ilia patro !



Bob Felby

# POST LA MORTO




Karaj Geamikoj el la tuta mondo!
Ree ni vin invitas peti, TUTE SENPAGE, niajn librojn. La dua verko, **POST LA MORTO**, estas de la franca filozofo Leon Denis.
Se vi kaj viaj geamikoj volos ĝin ricevi, sciigu al ni la kompletan nomon kaj poŝtadreson. Kun granda ĝojo, tute senpage, ni ĝin sendos al vi. Vidu, ĉi-kune, la kovrilon!
Frate via,
Eldonejo Lorenz

# "PLENA RONDO"

http://www.plenarondo.com/ pri nova filmo



Amike, Nicole



# Brisbano Kafo-Klubo




mi sendas vin foton de nia junia kafklubo-kunveno en Brizbano.
Vi vidas eminentan esperantistinon Sandra Connors el Toowoomba
Kaj unuafojan vizitanton Vere Williams el Brizbano ĉe Kafo-Klubo.
Ni iomete interbabilis tre plezurplene.

Pedro Danzer

# Kunveno en Brizbano

Foto de nia lasta monata kunveno en Brizbana Biblioteko.
Kelkaj membroj estis transmare kaj eksterurbe. Pedro Danzer






## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?



Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★ ★★★★★